Nuntempe la laboroj de la lingvosciencistoj estas ligitaj kun la plua perfektigo de literaturaj lingvoj.

1. *Estas plibonigataj la alfabetoj kaj ortografioj;*
2. *Oni fajnigas la lingvajn normojn, precipe en la novkonstruitaj lingvoj;*
3. *Estas ellaborata necesa terminologio;*
4. *Fine, la lingvosciencistoj sekvas problemojn, ligitajn kun la lingva kulturo kaj la observo de la lingva normo.*

Apartan lokon en la agado de la lingvosciencistoj okupas la problemo de bilingvismo, karakteriza por multnacia ŝtato.

En nia lando la plej grava formo de bilingvismo konsistas en tio, ke ĉiuj popoloj uzas sian nacian lingvon interne kaj por interpopolaj kontaktoj — la rusan. Por tio ekzistas objektivaj historiaj kaŭzoj.

Unue. Rusoj nombras ĉirkaŭ 55 % de la loĝantaro de USSR.

Due. Rusoj loĝas en ĉiuj regionoj de la lando.

Trie. En revolucia kaj kultura movado reprezentantoj de rusoj okupis avangardan pozicion.

Tamen la lingvo de interpopolaj kontaktoj tute ne egalas al ŝtata lingvo. Kiel oni scias, la ŝtata lingvo estas deviga. Dum la interpopola lingvo jure havas neniun avantaĝon antaŭ ajna alia lingvo. Ĉiu nia civitano rajtas adresi sin al ajna institucio en sia gepatra lingvo aŭ en alia lingvo, por li plej oportuna.

Sekve, ĝuste komprenataj naciaj interesoj ne kontraŭas al la ekzisto de interpopola lingvo. Niaj popoloj, edukitaj en la spirito de amikeco kaj estimo al aliaj nacioj, optimume uzas ĉiujn eblecojn de bilingvismo.

Lingvaj problemoj havas siajn specifojn en ĉiu lando. Kaj ni ne devas forgesi, ke la problemoj de interkomunikado estas tre diversaj kaj tre komplikaj. Ili prenas diversajn formojn depende de la socia vivo, agado kaj evoluo. Pro tio nia tasko estas serĉi solvojn en la apliko de diversaj sistemoj de kompreniĝo. Nia principo devas esti „kaj — kaj", sed ne „aŭ — aŭ"!

Jen tio signifas:

— *estu multnombraj naciaj lingvoj!*

— *estu la interpopolaj lingvoj!*

— *estu la mondaj lingvoj (rusa, angla, franca, hispana, araba),*

— *kaj estu ankaŭ la internacia helplingvo!*

III.

Jen estas la plej gravaj vidpunktoj kaj la lingva situacio, kiuj determinas la karakteron kaj la konkretajn esplorajn paŝojn de la sovetaj esperantistoj.

Kiel jam informis siajn legantojn niaj germanaj amikoj el GDR pere de gazeto „der esperantist", en la kadro de Lingvoscienca instituto de Soveta Scienca Akademio estas organizita speciala interlingvistika grupo[3]). Ĝi jam preparis kolekton de artikoloj, kiu devas aperi dum tiu-ĉi jaro. La enhavo de tiu unua kolekto estas:

*Antaŭparolo (direktorino de Lingvoscienca Instituto de Akademio de Sciencoj de USSR, V. N. J a r c e v a.*

1. *M. J. I s a e v , E. A. B o k a r e v kaj interlingvistiko*

### I. Generalaj interlingvistikaj problemoj

2. *E. A. B o k a r e v , La nunepoka stato de la problemo de internacia helplingvo (la faktoj pri esperanto)*

3. *E. A. B o k a r e v , Pri internacia lingvo de scienco*

4. *M. J. I s a e v , La problemo de artefarita lingvo por la internacia komunikado*

5. *V. P. G r i g o r j e v , La artefaritaj helplingvoj kiel interlingvistika problemo*

6. *D. L. A r m a n d , La homaro kaj la oceano de informaĵo*

### II. Tipologio kaj evoluo de internaciaj artefaritaj lingvoj

7. *S. N. K u z n e c o v , Pri tipologia klasifo kaj internaciaj artefaritaj lingvoj*

8. *D. B l a n k e , Pazigrafioj*

9. *N. F. D a n o v s k i j , La evoluo de Esperanto*

### III. Interlingvistiko kaj lingvokonstruado en Rusio

10. *A. D. D u l i ĉ e n k o , El historio de interlingvistika pensado en Rusio (ĝis la XIX. jarcento)*

11. *L. L. V a s i l e v s k i j , Nekonata paĝo el la historio de patrolanda interlingvistiko (1925)*

12. *D. G. B a e v , Artefarita helplingvo Akciom Variant*

Dua kolekto ankaŭ estas preparata. Ĝi verŝajne aperos 1976. Krome, laŭ plano, nia grupo devas dum la sekvontaj 3—4 jaroj ellabori pli grandan kolektivan verkon „La problemo de artefarita helplingvo".

Ni ankaŭ planas eldoni lernolibron por la rusa lingvo en Esperanto. Sendube tio scienca esplorado estas grava por la esperanto-movado, ĉar ĝi informas vastajn rondojn de gvidantoj kaj politikistoj pri esperantaj problemoj.

En tio plano por ni estas grava ankaŭ la laboro interlingvistika kaj esperantologia, la sukcesoj en la frataj socialismaj ŝtatoj.

Oni povus diri, ke ni ĉiuj faras unu gravan aferon. La sukcesoj de unu el ni estas samtempe sukcesoj de ĉiuj ni.

Ĉio-ĉi, tamen, ne signifas, ke ni en Soveta Unio ne preparos science verkatajn dokumentojn por la superaj politikaj organoj. Mi deziris nur diri, ke komence ni estas okupitaj per sciencaj laboroj, kiuj estos ankaŭ bazoj por similaj dokumentoj.

**Notoj**

1) D-ro M. J. Isaev estas doktoro de filologiaj sciencoj, gvidanto de la Interlingvistika Problema Grupo ĉe Lingvoscienca Instituto de Scienca Akademio de USSR, prezidanto de la Esperanto-Komisiono ĉe SSOD (Unio de Sovetaj Societoj por Kulturaj Rilatoj kun eksterlandaj popoloj)

La adreso de la Esperanto-Komisiono estas: Moskvo - K - 9, prospekt Kalinina 14.

2) kp. i. a.

— la lastan ĉapitron de la libro „Jazyk i nacija" de A. T. Baziev kaj M. J. Isaev, Moskvo (Nauka), 1973. La traduko de ĉi-tiu ĉapitro aperis en „Paco" 1,2/1974 (Sofio)

— la prelegon de d-ro M. J. Isaev „La rolo de sciencisto en la evoluo de lingvo" en la kadro de la ISU en la 59a Universala Esperanto-Kongreso 1974 en Hamburg.

3) „der esperantist", 67/68 (5/6 1974) paĝoj 1/2, Berlin (GDR) (Centra Laborrondo Esperanto en Kulturligo de GDR, 108 Berlin, Charlottenstr. 60)

---

# Estonio

*ESTONIO-bildbroŝuro pri la Soveta Socialista Respubliko Estonio, teksto: K. Itra, tradukis: H. Leis, arta aranĝo: H. Aas, 40 paĝoj, kartono kovrilo, prezo: 68 kopekoj, eldonita de „Perioodika" en Tallinn.*

**Ĝi kompletigas serion de informigaj libretoj pri sovetaj respublikoj. La kajero distingiĝas per belaj kolorbildoj en bonkvalita preso, respegulas landon kaj homojn en ilia karakterizeco. La teksto informas mallonge pri historio kaj pejzaĝo, laboro kaj kulturo. La estonia lando sur la orienta bordo de l'Balta Maro estas naskita el maro kaj travivis ŝanĝivan historion. Rezulto de l'klasbatalo de la laboristaro estas fondo de soveta socialisma respubliko, 1944 ĝi revenis al la ŝtataro de Soveta Unio. La nuntempa Estonia SSR estas industria lando kun bone evoluinta agrikulturo. La industrio baziĝas ĉefe sur riĉaĵo de oleoskisto. Kun 1,4 milionoj da homoj Estonia SSR estas unu el la plej malgrandaj uniaj respublikoj, sed la popola enspezo po unu loĝanto estas la plej alta en Soveta Unio kaj superas la nivelon de multaj evoluintaj ŝtatoj. 1/3 de la kontinento estas arbaroj, 1/5 marĉoj, lagoj estas pli ol 1500.**

**Por turismo ĝi estas tre alloga lando, troviĝas kune antikveco kaj moderneco, mezepoko ĉizita en ŝtono kaj folklora ĥorkanto, kamparanaj fulmkabanoj kaj modernaj hoteloj.**

*Rudolf Hahlbohm*

**Bibliografio de Internacia Lingvo / P. E. Stojan. – Genève 1929. Reprint. – Hildesheim: Olms, 1970. – 560 p.: il.; 24 cm (kun bibliografia aldono de R. Haupenthal)**

Kun la kreskanta interesiĝo pri interlingvistiko kaj esperantologio la manko de informoj pri la surkampe aperinta literaturo fariĝas pli kaj pli sentebla. La bibliografiaj informiloj „Fokuso" kaj „Interlingvistika Informa Servo" klopodas registri la nuntempe aperantan literaturon de la diversaj planlingvaj sistemoj, sed nek volas nek povas anstataŭi bazan bibliografion. Pro tio aplaŭdindas la represo de la jam delonge elĉerpita bibliografio de Stojan, kiu estas rigardata ĉefverko de interlingvistiko kaj kiu malgraŭ siaj malperfektaĵoj estas nemalhavebla instrumento.

Estas mirige, ke Stojan – kvankam ne bibliografo profesia – en la ege mallonga tempo de nur 4 jaroj sukcesis kolekti kaj registri abundon da materialo (entute pli ol 6300 registraĵojn), kiu ne nur konsistas el materialo bibliografie memstara, sed entenas eĉ manuskriptojn, gazet- kaj ĵurnalartikolojn, tekstopartojn kaj citaĵojn el libroj.

La titolan nocion „Internacia Lingvo" Stojan iom vastanime interpretas, ĉar krom la esence planlingva literaturo ankaŭ troveblas literaturo pri periferaj temoj: gestlingvo, universala alfabeto ktp. Same larĝe li perceptas la nocion „Mondlingvo", registrante ankaŭ bazan literaturon de „la grandaj kulturlingvoj – greka, latina, franca" ktp. La manko de tia materialo por la lingvoj rusa, araba, ĉina kaj hinda (kiujn li evidente ne rigardis „kulturlingvoj" !) ne estas problema, ĉar unue tia literaturo jam en specialaj bibliografioj estas registrata kaj due ĝi ne koncernas la esplorobjekton de la interlingvistiko.

Stojan iomete arbitre grupigas la materialon en tri partoj. En la unua li traktas la problemaron: antikva periodo; poligrafoj antaŭ Leibniz; Leibniz; logistiko kaj algoritmo; universalaj gramatiko kaj alfabeto; internacia stenografio; gestlingvo; simboloj kaj signaloj; ĉifroj, kodoj; pazigrafio; greka, latina, franca, angla kaj aliaj naciaj lingvoj; opinioj de famuloj; scienco kaj helplingvo; lingvistiko kaj helplingvo; lingvista materialo; filologia kaj poliglota verkaro; tekniko de helplingvo kaj organizo de helplingvo („Delegacio", IALA, historio de helplingvo ktp.). La dua parto (p. 209–467) okupiĝas ekskluzive pri Esperanto kaj registras tie lernilojn, vortarojn, propagandilojn en 42 lingvoj, terminarojn, gazetaron, tradukan kaj originalan literaturon (fakan kaj beletran); krome la fakojn: kongreso, muziko, adresaroj, kalendaroj, organizo, UEA, historio, bibliografio, filologio de Esperanto, kritikoj kaj reformoj.

La tria (kaj plej mallonga parto) restas por ĉiuj aliaj lingvo(projekto)j: Solresol, Volapük ... Ido ... Occidental ... ĝis Neolatino (la lasta antaŭ redaktofino!). Sekvas specimenaj tekstoj en 64 lingvoj.

La materialo en la unuopaj ĉapitroj principe estas ordigita kronologie, interne de la sama jaro la ordo estas alfabeta laŭ aŭtoroj resp. titoloj. Sed por trovi certan titolon tamen rekomendiĝas atente legi la enkondukajn notojn de ĉiu ĉapitro, ĉar en kelkaj kazoj la aŭtoro rompas kun sia principo.

Por aro de registraĵoj la aŭtoro donas interesajn piednotajn rimarkigojn. Ekzemple ĉe vortaroj kaj beletroj li ofte alnotas la aperon de neologismoj aŭ siatempe nekutimaj vortkunmetoj, ĉe gazetoj li mencias krom la redaktora stabo ankaŭ la ĉefajn kunlaborantojn, ĉe gravaj verkoj donatas eĉ la ĉapitraj titoloj.

Tre agrablaj por la uzanto estas la grand- kaj grasliteraj marĝenaj notoj, kiuj jen indikas la mallongigitan ĉapitran titolon jen la tipon de la registrita lingv(oprojekt)o.

La verko disponas pri tri indeksoj (alfabeta objekta indekso, indekso de artefaritaj lingvoj kaj indekso [de nomoj]), kiuj referencas al la nombroj de la registraĵoj. Estas domaĝe, ke Stojan tian ĉefan ŝlosilon por sia bibliografio traktis kiel apudaĵon: la du unue nomitaj indeksoj kaŝas sin post la tri antaŭparoloj kaj la esperantlingva enkonduko sur la paĝoj 20—25, dum la tria indekso ĉe la fino de l'verko (paĝoj 527—557) nur „tiujn nomojn, kiuj intime rilatas al la helplingva problemo". Kiu decidas pri la „intima rilato"?! Cetere ankaŭ nomoj de esperantistoj (!) estas forgesitaj en la indekso.

Ankaŭ la enhava tabelo (la aŭtoro ĝin nomas „sistema indekso") ricevis malkonvenan lokon sur paĝo 19.

La registrita materialo ne ekskluzive baziĝas sur aŭtopsio, Stojan ankaŭ „kopiis la sciigojn pri verkoj el gazetoj, katalogoj, libroj". Ne mirige, ke enŝteliĝis eraroj en la titolpriskribojn. Drezen en sia verko „Histori de la mondolingvo. 3. eld." plurfoje korektas registraĵojn el BIL. Bedaŭrinde, ke Stojan ne signis (ekz. asteriske) tiujn verkojn, kiujn li havis en la mano.

Por lingvistoj, eble, mankantaj elementoj de la titolpriskribo (ekz. nombro de paĝoj, eldonjaro, antaŭnomo(j) de l'verkinto aŭ tradukinto ktp.) ne estas tiom ĝenaj, por bibliotekistoj la kono de tiaj „bagateloj" ofte gravas por diferenci inter similaj eldonaĵoj aŭ simple por povi ĝuste katalogi ilin. Ĉirilate Stojan ne tre subtenas la bibliotekistojn, arbitre mallongigante titolojn, ne aŭ nur iniciale indikante antaŭnomojn ktp.

Tamen, resume oni devas diri, ke ĝis nun ne ekzistas alia verko, kiu donas tiel kompletan superrigardon pri la interlingvistika literaturo kiel BIL. Tial ĝi restas gravega laborilo por ĉiu serioza interlingvisto.

*J. Hamann*

# Wichtig!

**An alle Leser unseres Mitteilungsblattes!**

Ab 1. 1. 1976 wird die Deutsche Post den Vertrieb unseres Mitteilungsblattes „der esperantist“ übernehmen. Das bietet viele Vorteile, u. a.

1. *Die akkurate und zuverlässige Lieferung unserer Zeitschrift an die Bezieher ist gewährleistet.*

2. *„der esperantist“ wird auch an Kiosken in unserer Republik zu erhalten sein und in den Katalog der Presseerzeugnisse der DDR aufgenommen werden.*

3. *Der Kulturbund wird technisch entlastet.*

Damit die Übergabe an die Post reibungslos funktioniert und möglichst alle Interessenten unsere Zeitschrift weiterhin beziehen können, richtet der Zentrale Arbeitskreis eine „Zentrale Kartei der Abonnenten „der esperantist“ ein, damit in enger Zusammenarbeit zwischen dem Postzeitungsvertrieb und dem Zentralen Arbeitskreis Esperanto eventuell auftretende Fragen und Unstimmigkeiten ständig schnell gelöst werden können.

**Wir bitten deshalb jeden Leser der Zeitschrift (in der DDR),** der auch 1976 unser Mitteilungsblatt beziehen möchte, möglichst umgehend, aber spätestens bis zum 1. 10. 1975, an den Zentralen Arbeitskreis im Kulturbund der DDR, 108 Berlin, Charlottenstr. 60, folgende Mitteilung (Postkarte genügt) zu senden:

> *Ich bin daran interessiert, ab 1. 1. 1976 das Mitteilungsblatt „der esperantist“ über die Deutsche Post zu abonnieren.*
>
> *Name, Adresse, gewünschte Anzahl der Exemplare „der esperantist“ ab 1. 1. 1976.*

Bitte machen Sie Ihre Freunde und Bekannte auf diese Neuregelung aufmerksam und vergessen Sie nicht, die gewünschte Anzahl anzugeben. Jeder an einem Abonnement für 1976 Interessierte, der uns seine Adresse übersandt hat, erhält zum gegebenen Zeitpunkt ein Rundschreiben mit genauen Hinweisen.

*Zentraler Arbeitskreis Esperanto*
*im Kulturbund der DDR*

**(Resumo:** La GDR-poŝto ek de 1976 disvastigos kaj distribuos „der esperantist“ en GDR.

# „Kiel plivigligi la grupojn?“ (VIII)

**Pri la plago de sekteco**

La socia vivo estas bunta kaj multflanka, same la homaj interesoj, streboj kaj aktivadoj.

Unu el la sendube tre grava kaj estiminda strebado estas la diversaj klopodoj konstrui, propagandi kaj praktike enkonduki konscie kreitan internacian lingvon, planlingvon. Ni scias, ke la diversaj aŭtoroj de planlingvaj projektoj ligis al siaj projektoj la plej diversajn revojn. Iuj nur volas plifaciligi la internacian lingvan komunikadon, aliaj vidis en internacia lingvo universalan internacian pacigilon forigantan la kaŭzojn de la militoj.

Ni scias, ke nur Esperanto enkondukiĝis en certajn sferojn de la praktika vivo. Ni ankaŭ scias, ke la motivo de Zamenhof konstrui Esperanton, estis simpla miskompreno.

Por Zamenhof la kaŭzo por la intergentaj bataloj en sia naskiĝurbo Bialystok, estis la lingva diverseco. Do li iniciatis lingvon, kiu donu al la disŝirita mondo pacon. Ni scias, ke internaciaj sociaj konfliktoj havas aliajn kaŭzojn, kvankam, certe, ankaŭ lingvaj problemoj povas influi, kvankam ne decide. Tio tute neniel malpliigas la grandan valoron kaj signifon de internacia lingvo.

Kial ni skribas ĉion-ĉi, kio ja estas sufiĉe konata? Tutsimple tial, ĉar la miskompreno pri la veraj eblecoj kaj limoj de internacia lingvo, por nia movado do Esperanto, estas unu el la ĉefaj kaŭzoj por tio, kion ni ofte nomas „sekteco“, „sekta sinteno“, „verdismo“ kaj iam „talpismo“. Kvankam en nia lando pro la tre celkonscia gvidado de la movado kaj la konsciaj klopodoj eviti ĉion sektecan, tiu problemo ne apartenas al la ĉefaj, tamen necesas iom okupiĝi pri ĝi.

Sektaj aŭ sektecaj trajtoj tamen tie kaj tie ekzistas en nia grupa vivo, kaj estus bela sintrompo kredi, ke ili tute maloftas. „Sekta“, laŭ Plena Ilustrita Vortaro en sia dua difino estas „netolerema kaj mallarĝspirita“ (969).

En la movado tiu sekteco, t. e. netoleremo kaj mallarĝspiriteco i. a. montriĝas speciale per du aspektoj:

1. Oni troigas la aktualan kaj estontan signifon de Esperanto, verŝajne entute ne plene komprenintе ĝian veran valoron. Oni ne kapablas toleri opiniojn eble ne pozitivajn por sia idealo. Oni ne kapablas kompreni, ke homoj ne daŭre okupiĝintaj pri la problemo de internacia lingvo, eble venas al aliaj konkludoj ol oni mem.

   En diskutoj kun tiuj „nekonvertitoj“ oni ne ĉiam sobre kaj objektive scias diskuti kaj argumenti. Oni ekpropagandas, troigas, eĉ distordas faktojn, ĉio-ĉi nur plifortigas la dubojn de la kontraŭargumentanto anstataŭ forigi ilin. Vere okazis, ke dum diskuto pri la multlingveco de Hindio aŭ iuj afrikaj ŝtatoj fervoraj esperantistoj tuj prezentis sian patent-solvon, nome la enkondukon de Esperanto, kaj jen solvita la afer'.

Ankaŭ neadekvataj germanlingvaj leteroj, ofte eĉ kun sufiĉe da gramatikaj kaj ortografiaj eraroj kelkfoje rapidis al instancoj por ilin konvinki pri la taŭgeco de Esperanto!

Se iu profesoro, bedaŭrinde ne bone informita pri Esperanto, skribas pri ĝi (denove bedaŭre) en iu gazeto, tuj alvenas al tiu „senkulpulo" amaso da protestleteroj ne ĉiam tre afablaj. Scienca analizo en sobra tono certe multe pli efikus ĉe la ofte tute volonte lernemaj sciencistoj ol iu supraĵa protesto, kiu eble jam pro la formo kaj nematureco de la enhavo nur plifortigas en tiu profesoro la impreson, ke Esperanto estas neserioza afero, portata de neseriozaj homoj.

Tiu sekta, do netolerema kaj mallarĝspirita agado jam multon detruis. Sciencisto diris iam al mi, ke li havas malinklinon kontraŭ Esperanto. Montriĝis, ke li ĝis nun nur konatiĝis kun propagandistoj de la priskribita tipo kaj ne kun sobre kaj science argumentantaj homoj. (Intertempe li tute ŝanĝis sian sintenon).

Bedaŭrinde ankaŭ teruraj troigoj ekzistas. „15 milionoj da esperantistoj sur la mondo", oni legis en iu distrikta gazeto. UEA havas iom pli ol 30 000 da membroj!

En iu kulturliga konferenco, kiun partoprenis reprezentantoj de diversaj fakgrupoj, do ankaŭ esperantistoj, kaj kie devus paroli tiuj diversaj reprezentantoj inkluzive la esperantistaj, la superambiciemo kaj malsaneca troigo kaj supertakso de sia propra esperantista pozicio finfine kondukis al preskaŭa rompo de la tuta konferenco, ĉar la esperantistoj kredis, ke ne sufiĉas unu parolanto, sed devas esti kvin(!). Kompreneble tiu malestimo de aliaj fakgrupoj kondukis al nebona impreso... pri la esperantistoj.

Oni ja neniam forgesu, ke oni juĝas laŭ la sinteno, agado kaj sinprezento de la esperantistoj la tutan aferon. Ofte, bedaŭrinde, oni renkontas homon, kiu, demandite pri Esperanto, rezignacie mansvingas dirante „Esperanto"? Nu, tute fuŝa afero, mi iam konatiĝis kun s-ro A en B...", kaj, bedaŭrinde, la juĝo jam preta, ne ĉiam estas tuj riparebla. Do netoleremo rilate al alies opinio, mankanta scio, troigemo kaj speciale la kredo, ke Esperanto estas la absolute plej grava afero sur la mondo jam detruis gravajn atingojn, longdaŭran laboron de seriozaj esperantistoj.

Krom iu mallarĝa horizonto, ja renkontebla ĉe homoj kun plej diversaj interesokampoj kaj hobioj, ankaŭ mankanta scio pri la vera kompleksec o de la mondlingva problemo, neinformiteco pri diversaj aspektoj kaj problemoj de Esperanto, ĝia strukturo, evoluo kaj de ĝia movado, estas la kaŭzoj por la priskribitaj fenomenoj.

Iugrade ankaŭ la kredo pri la mistika socio-saniga rolo de Esperanto kunkulpas en ĉio. Do ne mirige estas, legi en la nova manlibro pri Esperanto „Esperanto en perspektivo" (komp. „de" 2/75) pri „spontana, aŭtomata aŭ memefika solidariga funkcio de la Internacia Lingvo" (330). Kompreneble, laŭ tiu naiva aŭtomatismo Esperanto estas ofertebla „kiel lingva esprimo de la plej pura humanismo" (550). Ĉio-ĉi ververe estas nenio alia ol mistike nebula kaj eraraiga troigo de la rolo de Esperanto.

2. Dua aspekto, ofte kune trovebla kun la unua, esprimiĝas en iu stranga apartiĝemo de la esperantistoj for de la ekstera mondo.

Iuj esperantistoj, kiuj ververe devus uzi ĉiun eblecon por agadi **en** la socio kaj plene enkadriĝi **en** ĝi, sin mem izolas, eble kontraŭvole. Ja serĉante la kontakton kun la neesperantista apudulo ili tamen ne trovas tiun kontakton pro ilia stranga konduto.

Oni portas nenecese grandajn aŭ multajn stelojn (oni ja portu stelojn, prefere eksterlande).

En prelegejoj aŭ ekspozicioj superabundas verdaj flagoj kaj aliaj esperantistaj rekvizitoj. Ĉio-ĉi malagrable impresas al neinformitaj, la laikoj, eble tute sincere interesitaj. Ili, la laikoj, sin sentas en iu speciala, sekteca, kvazaŭreligia medio, en iu framasonisma rondeto, plena da mistikaj kaj enigmaj simboloj.

Esprimoj, por la laiko plene sekretaj, kiel „samideano", „verdstelano", „Esperantujo", „ronda familio", „fina venko" impresas strange. Glorado de la „majstro", la modesta Zamenhof mem malŝatis ĉiun personan kulton, ankoraŭ ekzistas relikte ĉe samtempa nekapablo vere digne omaĝi al la genio de tiu modesta okulkuracisto, kiu praktike solvis problemon, kiu laŭ iuj en la moderna lingvoscienco eĉ teorie ne povas esti solvebla.

Do „glorado de majstro" kaj omaĝo al geniulo estas du diversaj aferoj.

Eĉ la sekteco alprenas tiajn formojn, ke oni forgas, ke Esperanto estas lingvo por la **internacia uzo** kaj ne nepre, la sola lingvo por la korespondado en iu nacilingva teritorio. Ekzemple GDR-ano riproĉis al Kulturligo, ke ĝi ne respondis esperante iun leteron.

Tio, kompreneble, ne signifas, ke oni ne uzu Esperanton por ekzerciĝi ankaŭ inter samlingvanoj. Sed ĉio laŭ ĝusta mezuro kaj en ĝusta loko kaj tempo.

Estus merite ankaŭ analizi la „Himnon" laŭ ĝia filozofia enhavo. Kaj oni konstatos, ĝia enhavo vere ne plu trovas lokon en la moderna pensado, jam tute ne en socialisma koncepto.

Certe troviĝas tre bonaj kantoj en Esperanto, ĉu originlaj ĉu tradukitaj, kiuj, pli modernaj, bone anstataŭus la himnon. Feliĉe en la moderna internacia esperanto-movado pli kaj pli disvastiĝas la konscio, ke sekteco estas kontraŭbatalinda ĉar ege malutila.

La „principaro de Frostavallen" ellaborita de UEA kaj donante konsilojn pri efika kaj nealtruda informado pri Esperanto estas signo pri tio.

Fine oni devas denove substreki, ke en la esperanto-movado de nia lando, GDR, tiu sekteco ne tro forte sentiĝas, feliĉe.

Tamen ĝi ankoraŭ relikte ekzistas en tioma grado, ke necesis ĉitiu artikolo.

Detlev Blanke

# El Sovetunio

### Virina jaro kaj Esperanto

9. III. 75. Dank' al Internacia Virina Tago (la 8-an de marto) kaj la jaro de virinoj en MIEK okazis vespero, dum kiu decan prelegon faris instruistino E. P. Popova. Ŝi rakontis pri la aktiva partopreno de virinoj en esperanta movado kaj pri la grava rolo de virinoj en ĉiuj fakoj de nia vivo. Ŝi menciis la renovigon de laboro de speciala virina sekcio ĉe Esperanta Komisono de SSOD sub gvido L. V. Erjuĥina.

### Geografio kaj Esperanto

10. III. 75. En Moskva Geografia Societo estis farita lekcio pri la neceso de internacia linggvo por geografoj. La lekcion tralegis malnova esperantisto prof. de geografio D. L. Armand, kie li interese montris, ke Esperanto estas la plej taŭga lingvo kaj ke ĝi jam estas uzata en multaj landoj, kion pruvas la ekspozicio de geografaj priskriboj, prospektoj kaj gvidlibroj, aranĝita en la vestiblo de Geografia Societo, pri multaj landoj kaj kontinentoj en Esperanto. La lekcio havis grandan sukceson kaj la ekspozicio elvokis multan intereson, ĉar multaj el ĉeestantoj (pli ol 100 pers.) enskribiĝis por organizota esp-a kurso.

### Interlingvistiko

12. III. 75. En Lingvoscienca Instituto de Scienca Akademio de USSR okazis vica kunsido de Interlingvista Sekcio kaj de problema grupo pri internacia lingvo. Interesan prelegon pri la nuna stato de interlingvistika problemo faris k-do S. N. Kuznecov, kiu akcentis, ke la ĉefan rolon en la aktuala problemo de interlingvistiko havas nun Esperanto. La ceteraj pretendantoj (Ido, Interlingua, Interlingue) havas nur helpan rolon, kies taŭgajn kaj utilajn elementojn oni povas nur adopti en Esperanto. Laŭ la prelego okazis vasta diskuto, kiun partoprenis Moskvaj lingvistoj: Danovskij N. F., Tokarev B. V., Ivanov I. A., Grigorjev V. P., Isajev M. I.

### Esperanto en Siberio

16. III. 75. En MIEK faris prelegon k-do N. N. Matvejev-Bodrij kun rememoroj pri la historio de esperanta movado en Siberio kaj Malproksima Oriento dum pasintaj jaroj, kies atestanto li estis, loĝante en Vladivostoko kaj aliaj urboj dum la bruaj jaroj de post la Granda Oktobra Revolucio.

Ĉeestinta kunvenon gasto el Bydgoszcz (Pollando), k-do L. Petrovskij, rakontis pri sukcesa esp-a movado en sia gepatra urbo, kie aktive laboras pli ol 100 gesamideanoj; en loka nacia gazeto ĉiam aperas „Esp-a Angulo".

# INFORMOJ

**Herbert Dorbe ĉe Esperantistoj de Riga**

En klubo de esperantistoj en Riga estiĝis bona tradicio — dediĉi vesperojn al latvaj verkistoj — poetoj. Sukcese pasis koncertoj, dediĉitaj al Eŭgeno Veveris, Janis Sudrabkalas, Mirdza Bendrupe, Konstantin Aijspurs, Antono kaj Paŭlias Barda, kaj aliaj.
Antaŭ nelonge la klubo de esperantistoj en Riga honorigis la poeton Herbert Dorbe, kiu ĉijare iĝis 80jara. H. Dorbe famas pro siaj tradukoj en latvan lingvon de „Eŭgeno Onegin" de Puŝkin, de romano „Helruĝaj veloj" de A. Grins. Rakontoj pri la vivo de Paustovskij. La versojn de H. Dorbe legis latve fama artistino de L. S. S. R. Alma Abele. Tradukaĵojn de liaj verkoj en Esperanton prezentis nia Esperanto-poetino Elvira Lippe. Precipe sukcese sonis de ŝi tradukitaj versaĵoj: „En arbaro", „La ŝatata avo", „Katida honto", „Epokfara alvoko", fragmento el porinfana libro „La renkontiĝo kun erinaco" . . .
Konservinta sian energion, viglecon, vivĝojon la poeto H. Dorbe plezurigis nin per legado de fragmento de sia nova poemo „La balado pri Sarnate", dediĉita al historiaj okazintaĵoj de latva popolo.

J. Gold

**Agronomoj!**

Ĉu vi scias, ke Teknika-Agronomia Akademio estas la unua akademio en Pollando kun du-jara lektorato de Esperanto?
Bonvolu kontaktiĝi kun studentoj kaj sciencistoj el fakultatoj: agrikultura / elektronika kaj elektroteknika / hemia / konstruado de vojoj kaj domoj / mehanika / zoologia-teknika /
Skribu al: Studenta scienca Esperanto-Rondo, str. Koszarowa 9/13, 85 324 Bydgoszcz, Pollando.

**Korekto**

En „der esperantist" 5/6/1974, paĝo 34, la ĝusta titolo devas teksti: „Sep konsiloj por aranĝi mondvojagon".

**Disko:** Kristnaskaj kantoj (Muza, Polskie Nagrania, Z - SN - 0557), eldonis Muzilanie, Vroclavo.

La disko enhavas 4 kristnaskajn kantojn (1. Dum nokt' silenta, 2. Kiam la kristnaskon, 3. En Betleemo, 4. Paca Nokt'), el kiuj 1 kaj 4 apartenas el la mondkonataj.

Belvoĉa koruso de muzilanoj kun tre ekvilibrita kaj moderna akompano certigas al la ŝatantoj de similaj kantoj altan ĝuon.

La disko kostas 25 Zł kaj haveblas en Pollando.

**VELINGRAD INVITAS VIN!**

*SE VI DEZIRAS*

*ĝui dum 10 tagoj pitoreskan naturon, enspiri freŝan pinaeron, utiligi diversspecajn kuracajn termalakvojn de la 25-a de septembro ĝis la 25-a de oktobro 1975-a j.,*

*BONVOLU PARTOPRENI LA INTERNACIAN ESPERANTISTAN FERION EN VELINGRAD — BULGARIO, PAGANTE LAU KONTO 185/779 D. C. K. 4600 VELINGRAD, BULGARIO ESPERANTO-SOCIETO „STOJU KALPAZANOV", aŭ ĉe VIA ALVENO, NUR 60 LEVOJN. ALIĜILOJ AKCEPTEBLAJ ĝis la 30. de aŭgusto 1975.*

*Pri pliaj detaloj adresu vin al*

*MANOL ĈOLEV, 4600 VELINGRAD*

# KORESPONDDEZIROJ

## Bulgario

St. Cankov, **7006 Ruse,** str. „Balgarka“ 5, dez. interŝanĝi pm

Canko Murgin, str. Dede Agaĉ 9, vh. 2, ap. 38, **Ŝumen — 4,** dez. kor. pri ĉ. t., interŝanĝ. E-librojn k. gazetojn

4 gelernantoj — 6a ĝis 10a kl. — dez. kor. kun geknaboj el GDR. Skribu al: Slavka Ognjanova, str. Gagarin 35, **Bankja**

Junulino, 23 jara, dez. kor. k. geamikoj el ĉ. l., Rose Grigorova, 14, rue Stefan Dentcev, **Velico Tirnovo**

Penka Mihailova, „Beron“ 17, Kazanlak, 32 jara, dez kor.

Dez. kor. k. interŝ. pm tutmonde: Ilija Vladov, **V, Tirnovo,** str. Gurko 3 A

„INTERKLUB“ ĉe Domo de la kulturo OSPS, **Targoviŝte,** dez. kor. kolektive aŭ individue k. geesperantistoj el GDR, precipe el Cottbus

## Filipinio

Filipino dez. kor. tutmonde pri ĉ. t. en Esperanto kaj angla lingvo: s-ino Paz A. Macasaet, 953 g, Apacible St. Ermita, **Manila**

## GDR

24jara kulturologino dez. kor. angle, hispane, precipe k. latinamerikaj landoj. Interesiĝas pri filozofio, literaturo, etnologio. Barbara Kästner, **115 Berlin,** Melanchthonstraße 87

Poligloto dez. kor. tutmonde, precipe k. gejunuloj el Afriko, Azio, Skandinavio, Helmut Grunwald, **171 Luckenwalde,** Straße des Friedens 40

Gejunuloj el Turingio dez. kor. tutmonde:

Studentino Irene Matulewitsch, **5812 Waltershausen,** Ziegenbergstraße 29

Studentino Sigrid Krause, **5812 Waltershausen,** Brühlgasse 3

Kontoristino Margarete Niebergall, **5812 Waltershausen,** Schulplatz 1

Kuiristo Siegfried Wagner, **5812 Waltershausen,** Ibenhainer Straße 14

Pentristo Gerd Hübner, **5812 Waltershausen,** Waldstraße 3

Annerose Berndt, **18 Brandenburg,** Alfred-Rosch-Straße 24, 33jara, dez kor. pri ĉ. t. tutmonde, kol. pm el Afriko

Geknaboj 12—17jaraj (ankaŭ geonkloj!) dez. kor.; Lernejo de l’Paco, Esperanto, **195 Neuruppin,** Platz OdF 12

Dez. kor.: s-ino Brunhilde Stötze, **1542 Finkenkrug,** Waldstraße 42

s-ino Hildegard Nizze, **15 Potsdam,** Albert-Klink-Straße 4

s-ino Edith Lohse, **154 Falkensee,** Bandelowstraße 9

s-ro Eberhard Kaschel, **17 Jüterbog,** PSF 131

s-ino Ellen Friese, **1412 Sachsenhausen,** Hermann-Löns-Straße 19

Rensiulino, 60jara, dez. kor. pri ĉ. t., kol. pk, Margarete Mehr, **57 Mühlhausen/Thür.,** Straße der Einheit 34

## Hungario

Julio Otto Rajnai, **H-2045 Torokbalinto,** pk. 29, dez. kor. 18—20jara germanino

Junulino dez. kor. kun gejunuloj: Terézia Menyhárt, pf. 23, **5131 Jászapáti**

22jara fotoamatoro ŝatus interŝanĝi fotaĵojn kontraŭ esperantaĵojn: Lajos Borbély, **H-1113 Budapest,** Bocskai ut. 52-—54

Junulino, 15jara, dez. kor. pri muziko, sporto, kol. bk, pm, diskojn: Eva Sós, **9025 Györ,** Achim A. 64/B

Gejunuloj dez. kor. tutmonde: Esperanto-Klubo, Ifjúsági Ház, **H-9022 Györ,** Arpád ut. 44

Lernantino, 17jara, dez kor. kun geknaboj: Katalin Csató, **3284 Tarnaméra,** Pusztafogacs 80/a

Juristo, 30jara, dez. kor. kun gejunuloj, precipe kun 18—25jara junulino pri ĉ. t., kol. bk.: Dr. Attila Tikász, **H-4100 Berettyoujfalu,** József A. u. 5

## Italio

Luciano Bonafé, Via P. Tibaldi, 19, **40 129 Bologna.** 28jara, dez. kor. kun gesamideanoj el GDR

## Nederlando

Ni peras korespondantojn. Skribu al E. C. van Groningen Rud. **Amsterdam 1016,** Agricolastraat 22

---

Herausgeber: Kulturbund der DDR (Zentraler Arbeitskreis Esperanto).
Redaktion: 108 Berlin, Charlottenstr. 60.
Fernruf: 2 20 29 91
Verantwortl. Redakteur: Detlev Blanke.
Redaktionskommission: Otto Bäßler, Dr. Hans Eichhorn, Rudi Graetz, Rudolf Hahlbohm, Willi Vildebrand. - Veröffentlicht unter der Lizenznummer 648 des Presseamtes beim Vorsitzenden des Ministerrates der DDR. - Erscheinungsweise: 6mal im Jahr. Preis pro Einzelheft 30 Pf.
Druck: Druckwerkstätte Glauchau
III-12-8 596